# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

N-ro 78
Bulteno de KAEM
Januaro 2013

---

# Feliĉan novjaron al ĉiuj!



## RETROSPEKTIVO KAJ PERSPEKTIVO DE ESPERANTUJO EN AZIO

**Sasaki Teruhiro, prezidanto de KAEM**

Azio estas tiel vasta, ke ĝi etendiĝas de Israelo okcidente ĝis Japanio oriente. Se vigla estus Esperanto en Azio, tiam la tuta mondo estus tuj Esperantigota. Tiel granda estas nun la influo de Azio sur la tuta homaro. Diversaj estas la gradoj je disvolviĝo de Esperantujo en aziaj landoj. Nuna tasko diferencas depende de la grado.

Kompare evoluintaj estas la landoj

kiel Ĉinio, Vjetnamio, Japanio, Koreio, Israelo kaj Orienta Rusio. Tie samideanoj devas unue konservi bonan tradicion de la agado kaj due plialtigi kulturon de Esperanto. Ili riĉigas sian trezorejon de Esperanta kulturo, skribante, tradukante, publikigante verkaron, kantaron kaj bildaron en nia lingvo. Ili devas montri al la tuta mondo, ke per Esperanto oni povas akiri la riĉan trezoron de Azio, sen scio de komplikaj naciaj lingvoj, kiel la japana, la ĉina, la vjetnama, la korea, la rusa, la hebrea k.a.. Por tio la devo de esperantistoj estas tre grava; ili devas ĉiam altigi sian kapablon de la lingvo kaj samtempe ĉie ĉirkaŭ si edukadi siajn posteulojn por daŭrigi la komencitan aferon.

Antaŭ nelonge forpasis Laŭlun, kiu estas nia idealo. Samideanoj en Vjetnamio okazigis sukcese la UK-on en 2012. En Japanio niaj samideanoj renkontos en oktobro la 100-an kongreson, pli frue ol UK. Ili heredas la bonan tradicion de antaŭuloj. En Koreio okazos la unua ILEIseminario en Orienta Azio en januaro kaj en Israelo – la 7-a Azia Kongreso en Aprilo. Ni esperas, ke tieaj samideanoj daŭre prezentos bonan ekzemplon al alilandanoj.

Evoluantaj estas la landoj, kiel Mongolio, Barato, Pakistano, Nepalo, kie nun vigliĝas la agado dank’ al energiaj samideanoj, kaj la landoj, kiel Taĝikio, Uzbekio kaj Kazaĥio, kie troviĝas kapablaj esperantistoj sub elstara rusa influo. Ni esperas, ke la samideanoj konstruos pli firman organizon en sia lando kaj multigos ĉirkaŭ si lernantojn de nia lingvo kaj esperantigos sian nacian trezoron por la tuta homaro.

Mongolio, Barato kaj Nepalo sukcesigis la Azian Kongreson en sia lando, per kiuj ili kontribuis multe al la Azia Esperantujo. Ni alte taksas la okazigon de la Sud-Azia Seminario kaj la Himalaja Renkontiĝo. Ni tre ĝojas, ke vigliĝas nun la agado en Pakistano dank’ al PakEsA. Ni konvinkiĝas, ke niaj samideanoj nepre konkeros ĉiun ajn malfacilaĵon kaj la agado prosperos daŭre.

Evoluontaj estas la landoj, kiel Indonezio, Laoso, Sri-Lanko, Malajzio, Tajlando, Afganio k.a.. En Indonezio samideanoj okazigos la landan kongreson ĉi-jare. Se daŭros la tia tendenco, ni

vidos la brilan entontecon tie. Ni estis tre kortuŝitaj, ke el Indonezio partoprenis la UK-on en Vjetnamio multe da samideanoj. Indonezio estas la bona modelo por aliaj evoluontaj landoj. Ni esperas, ke helpos al Esperantujo de tiuj landoj la samideanoj de aliaj landoj, proksimaj kaj malproksimaj. KAEM laŭeble subtenas la agadon per la subvencio.

Ni ĝojegis vidi en Hanojo unu samideanon el la suferanta Afganio. Apero de unu forta personeco estas tre grava en Esperantujo. Tiu unuo estas la semo kaj la fermento, el kiu kreskos la riĉaj fruktoj. Kie naskiĝas unu personeco kun forta karaktero, vigliĝos ja la loko, la lando, kaj Azio. Esperantujo estas subtenata de ĉiu persono kun forta karaktero. Mi kredas, ke la tasko de KAEM konsistas en la helpo al la aperinta forta persono en Azio. Kun tre limigita buĝeto estas ebla nur tio al nuna KAEM. Oftas ia ajn konflikto inter la estanta societo kaj la forta personeco. En tiu okazo KAEM devas konsideri la opinion de KAEM-ano kiel reprezentanta de la landa asocio. Do la respondeco de ĉiu komisiito de KAEM estas tre granda. Karaj samideanoj el ĉiu lando, bonvolu elekti la kompetentan personon kiel reprezentanton al KAEM.

2013-01-05 (el Zaozhuang, Ŝandong, Ĉinio)




## 7-a Azia Kongreso de Esperanto

**2013/04/18 – 04/22**
**Jerusalemo, Israelo**

**Ekologio de paco - paca kunvivado de homo, medio kaj naturo**

Tiu ĉi 7a Azia Kongreso unuan fojon okazos en okcidenta Azio. Ni nepre devas sukcesigi la kongreson, sed pro diversaj kialoj la nombro de partoprenontoj ne sufiĉas, nome entute 71 ĝis la komenco de januaro. Nun el Azio 51 partoprenos, nome 30 el Israelo, 15 el Japanio, 4 el Ĉinio, 1 el Indonezio kaj Turkio. Mankas partoprenontoj el Koreio. Ceteraj 40 venos el Eŭropo.

**Provizora programo de la Kongreso**

4/18 (ĵaŭde): vizito al la apuda muzeo de Israelo, Inaŭguro, prelegoj, Koncerto de JoMo

4/19 (vendrede): ekskurso al la malnova Jerusalemo, prelegoj, Koncerto de Kajto

4/20 (sabate): ekskurso al Ein Kerem kaj Abu Go, prelegoj, komuna koncerto de Kajto kaj JoMo

4/21 (dimanĉe): ekskurso ĉirkaŭ la malnova urbo de Jerusalemo, prelegoj, koncerto de JoMo

4/22 (lunde): ekskurso al Knest, supera kortumo, la Rozĝardeno, prelegoj, Fermo

**Antaŭkongresa ekskurso (4/14-4/17):** Tel-Avivo, Hajfo, Akko, markavernoj, Nazareto, Tiberiado kaj Lago de Galileo
**Postkongresa ekskurso (4/23-4/27):** Jerusalemo, Kumran, Ein Gedi, la Morta Maro, Masado, aventura dezerta kanjono, Eliat, poste du elektoj 1) Petra 2) Eliat kaj ĉirkaŭaĵo: la Ruĝa Maro, subakva rifo-spektado, Wadi Salomono kaj dezerta besta safario….
Reta aliĝilo:
http://www.esperanto.org.il/ak2013.html
Unua bulteno:
http://www.esperanto.org.il/dosieroj/ak2013unua-bulteno.pdf
Dua bulteno:
http://www.esperanto.org.il/dosieroj/ak2013dua-bulteno.pdf
Turisma itinero:
http://www.esperanto.org.il/dosieroj/ak2013turisma-itinero.pdf

# Proksimiĝas la 10a Himalaja Renkontiĝo

Himalaja Renkontiĝo jam estas tradicia. En ĝi nepalaj kaj eksterlandaj esperantistoj amike komunikiĝas, turismas kaj piedvojaĝas.

Dum la unua semajno partoprenantoj turismas en la Kathmandu-valo, kie troviĝas mondaj heredaĝoj: malnovaj temploj, mezepokaj stratoj, diversetnaj homoj, sume mirindaĵoj. Kaj en la dua semajno ili piede vojaĝas en belega montaro, rigardante neĝajn pintojn. Ĉi-foje NEspA organizas vojaĝon al nekonata regiono, nome orienta parto de Nepalo, do la partoprenantoj trovos novajn pejzaĝon kaj mirindaĵojn. Kial vi ne partoprenos en tiu Renkontiĝon? Rapidu!

**Laŭtaga programo**

- 26a de februaro: Alveno kaj enhoteliĝo
- 27a de februaro: Vizito al Bauddha, Paŝupati Nath kaj al Patano
- 28a de februaro: Vizito al Svayambhu kaj Basantapur
- 1a de marto: Alveno en Basantapur
- 2a de marto: Piedvojaĝo de Basantapur al Gufa Pokhari
- 3a de marto: Piedvojaĝo de Gufa Pokhari al Sangu
- 4a de marto: Piedvojaĝo de Sangu al Suketar
- 5a de marto: Piedvojaĝo de Suketar al Pativara templo kaj la
- ĉirkaŭaĵo; reveno al la tranokta kampo
- 6a de marto: Piedvojaĝo al Taplejung, rondiro tra la ĉirkaŭaĵo
- 7a de marto: Veturado per buso al Ilam kaj Fikal
- 8a de marto: Plua veturado al Itahari
- 9a de marto: Reveno al Katmando per buso
- 10a de marto: Ripoztago kaj Internacia Vespero
- 11a de marto: Forflugo

**Kotizo** estas 700 eŭroj por unu persono por dulita ĉambro. Ĝi inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo.

**Kontaktu :** Nepala Esperanto-Asocio <nespa.1990@gmail.com>
< luno1962@gmail.com>

# La 31a Komuna Seminario inter orient-aziaj junularoj




Ekde la 28a ĝis la 30a de decembro okazis la 31a KS en la seminariejo Wakuwaku-Vilaĝo en la urbo Haĉiooĵi en Tokio. Pli ol 50 homoj el 6 landoj (Japanio, Koreio, Vjetnamio, Rusio, Kanado kaj Pollando) partoprenis. Bedaŭrinde mankis ĉinaj partoprenantoj.

La 28an akcepto komenciĝis jam je la 13a horo. Interkona Vespero okazis je 19:30 kaj poste je 21:00 Paradizo.

La 29an, kursoj, kuirado, sudoko kaj aliaj ludoj, sporto, orientiĝado, prelego de Aleksandra Watanuki pri manga en Pollando kaj diskutkunsidoj. Post vespermanĝo okazis Gaja Vespero, en kiu partoprenantoj en ses grupoj prezentis skeĉojn preparitajn en la posttagmeza grupa laboro. Aliaj prezentaĵoj estis danco fare de koreaj junuloj, paperteatraĵo de japanoj ktp. Poste oni ĝuis skajpadon kun eŭropa junuaro.

La 30an matene okazis diskuto pri junulara movado en Orient-Azio. En ĝi oni decidis jenajn aferojn:

1. Oni akceptis Vjetnaman Esperantisan Junularan Organizon kiel sian membron.
2. Jene okazos postaj KS-oj:

   2013: Ĉinio

   2014: Vjetnamio

2015: Koreio
2016: Japanio
3. Kiel rekomendo, korea kaj japana junularoj havu apartajn kunsidojn ĉiun jaron aŭ pli ofte.

Krome oni instigis Vjetnamion klopodi organizi Komunan Seminarion inter sudorient-aziaj landoj.

# Vjetnamio

## Zamenhof-Tago 2012 en Hanojo

Zamenhof-Tago 2012: La plej enhavoriĉa Z-Tago en Hanojo. La ĉi-jara Zamenhofa Tago certe fariĝos unu el la plej memorindaj Z-Tagoj de vjetnama Esperantujo, pro sia diverseco, riĉeco kun promesplena perspektivo. La kunvensalono de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj ne estis sufiĉe larĝa por akcepti ĉiujn partoprenantojn kaj oni devis instali aldonajn seĝojn.

Inter la partoprenantoj menciindas veterana esperantisto el la urbo Hai Phong, kiu esperantistiĝis ekde la jaro 1957 kaj por la unua fojo, denove kontaktiĝis kun la movado, duon-jarcenton poste, kiam li eksciis pri la jus okazinta UK en Hanojo. Li eĉ montris atestilon pri mezgrada lingvo-ekzameno kaj pruvis, ke li ne forgesis Esperanton post tiom longa tempo. Li jam interesis kelkajn junulojn al Esperanto kaj promesis fariĝi kerno en tiu urbo por disvastigi la movadon.

Kiel kutime, Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA faris bilancon de la  jaro 2012. Komenciĝis per peti la ĉeestantaron observi unu-minutan silenton omaĝe al la ĵus forpasinta s-ro Dao Anh Kha, honora membro de UEA, membro de Akademio de Esperanto.

La listo de atingoj fare de la vjetnama esperantistaro en 2012 konsistas ĉefe en la preparo de la du internaciaj kongresoj: la 97a UK kaj la 68a IJK, kadre de la projekto Esperanto-125.

Venis tute freŝa anonco: La internacia retejo “edukado.net” ĵus sciigis, ke ĉi-jare, 13 esperantistoj el diversaj landoj estis honorigitaj en la Esperanta Panteono pro kontribuoj por la instruado de Esperanto, el kiuj estis unu vjetnamo, Nguyen Xuan Thu, membro de Centra Komitato kaj estro de Trejna Komisiono de VEA. Ĉiam en la sfero de trejnado, okazis solena disdono de atestiloj pri sukcesa ekzameniĝo de OROGO laŭ KER-sistemo al la ekzamenitoj: Nguyen Thi Nep, Le Minh Thu, Nguyen Thi Phuong kaj Nguyen Xuan Thu (C1-nivelo) kaj al Tran Thi Hoan (B1-nivelo). Atestilo pri B1-nivelo estis sendita al HoĈiMinh-urbo por transdono al la sukcesintino Le Thanh Truc kaj 2 atestiloj ankoraŭ ne atingis sukcesintojn pro foresto (Tran Dieu Anh kaj Tran Thi Anh, B1-nivelo). Do entute 4 C1-niveloj kaj 4 B1-niveloj.

En sia raporto pri Esperanto-125 projekto, Nguyen Xuan Thu substrekis 5 partojn, el kiuj la tri unuaj temas pri la tri pilieroj de ĉiu Esperanta movado: Informado – Trejnado – Junularo. La 2 sekvaj partoj temas pri Movado kaj Perspektivo. Ĉiu parto konsistas el 5 eroj, kiuj subdividas en 5 pli detalaj punktoj. Do, en tute, 5 x 5 x 5 = 125 eroj, koincidante kun la jubilea numero: 125. Detalan enhavon vi povos legi en la retejo de VEA. Ni nur mencias kelkajn interesajn punktojn.

La Informada komisiono tradukis en la vjetnaman La Unua-n Libro-n prezentitan sub libroforma kaj KD-forma, kaj sendis la vjetnaman version al Bjalistoka E-Asocio por ekspozicio okaze de la 125-Jubileo.

S-anino Le Cao Truong (Alta) tradukis 125 elektitajn artikolojn esperanten kaj prezentis ilin sub KD-formo okaze de la Tago de Vjetnamio, kadre de UK-97. Vjetnama Landa Sekcio de ILEI estis kreita.

Nove elektita komitato de VEJO akceptis kaj brile sukcesis en la preparado kaj gastigo de IJK-68 (cần kiểm tra lại) nur antaŭ 9 monatoj. Rilate al Movado, menciindas la ĝemeliĝo de vjetnamaj esperantistoj loĝantaj en Dong-Da-distrikto kun francaj esperantistoj loĝantaj en Choisy-Le-Roi, kadre de la UEA-projekto

“Ĝemeligaj Urboj”.

Rilate al perspektivo, estas antaŭvidite, ke surbaze de sukceso de UK-97, Esperanto ĝuos pli altan prestiĝon kaj estos uzata iagrade en la gazetaro, kaj estos instruata kiel nedeviga lingvo en universitato aŭ altlernejo.

Juna kanta grupo nomata “Rizoj” gvidata de blinda esperantisto Phan Ngoc Cung prezentis Esperante vjetnamajn kantojn, inkluzive de la tute freŝe tradukita kanto “Arda Hanojo” de juna komponisto Nguyen Duc Cuong. Nguyen Xuan Thu *autuno32@gmail.com*

## Zamenhofa Tago en Ho-Chiminh-Urbo




La 15-an de decembro 2012 ĉe la Domo de Amikeco de HoChiMinh-urbo okazis la festo Zamtago okaze de la 153-a naskiĝtago de Ludoviko Zamenhof. Aliĝis en ĝi 34 membroj de Ho-Chiminh-Esperanto-Asocio inkluzive de geesperantistoj el Binh-Duong-rovinco. Silentan minuton ĉiuj partoprenintoj en la festo memoris samtempe al la forpasinta eminenta esperantisto sinjoro DAO ANH KHA. Le Thien Thu

## "Verda Mesaĝo el Vjetnamio"

La reta bulteno "Verda Mesaĝo el Vjetnamio" numero 4-2012 videblas en http://e.vea.vn/view/1850_vm2012-4.htm.

# Japanio

## La 20a Esperanto-Festo en Tokio

La 16an de decembro okazis en Tokio la 20a Esperanto-Festo, alinome Zamenhofa Vespero, organizite de 8 Esperanto-Grupoj de Tokio. Prelegis s-ro Iwaya Mizro pri Tibor Sekelj (1912-1988), kiu vizitis Japanion dufoje kaj konatiĝis kun tiamaj japanaj esperantistoj. Raportis pri IJK en Hanojo s-ro Iwama Kyo el Japana Esperanto-Junularo, kiu ankaŭ informis pri la 31a Komuna Seminario inter orient-aziaj junularoj, okazonta jarfine en Tokio. S-ro Suzuki Keiichiro kaj s-ino Keiko prezentis skizon de la 100a Japana Esperanto-Kongreso (JEK), kiu okazos oktobre en 2013. Salutis novuloj kaj alilandaj esperantistoj, i.a. s-roj Ulrich Lins kaj Halpern Jack. Ne mankis prezentado de libroj, pri kiu respondecis s-ro Isino Yosio el Japana Esperanto-Instituto.

En la dua parto la ĉestantoj apartiĝis en 4 grupojn kaj interparolis tre vigle: pri "Komuna Seminario", "Parolu Esperante kun s-ro Klivo Lendon" , "Interparolo kun s-ro Lins" kaj "la 100a JEK", kiun zorgis s-ino Isikawa Tieko kaj s-ro Suzuki, respondeculoj de la Loka Kongresa Komitato. La kunvenon prezidis s-ro Lendon kaj s-ino Kinoshita Mayumi, kaj ĉeestis 62 homoj.

Syozi Keiko 8 Esperanto-Grupoj de Tokio

## LA 42-A ZAMENHOF-FESTO EN KANAGAŬA

*dec., 15, 10h30-15h00
*en la "Internacia Ĉambro" de urbo Odaŭara

La 4 rondoj en la gubernio Kanagaŭa havas ĉiujare komunan Zamenhof-Feston, kaj ĉi-jare ĝin gastigis Esperanta Klubo en Odaŭara. Entute ĉ. 50 samideanoj ĝuis la Feston.

Malfermis la feston s-ro Jatabe Takamicu el Odaŭara, kaj salutis s-ro Okucu Ŝintaroo el Odaŭara, kiel la gastiganta rondo. Post "La Espero" kunkantita laŭ gvido de s-ro Makino Micuo, estis sinsekvaj raportoj de la 4 rondoj, respektive de Odaŭara, Kaŭasaki, Huzisaŭa

kaj Jokohamo. Estis prezento de novaj eldonaĵoj kaj aliaj libroj, vendataj en la angulo de la salono.

Per bildoj sur ekrano, estis prezentita la Kastelo Odaŭara, fare de s-ino Oki Majumi.

Sekvis korusado de la grupo, konsistanta el korus-amantoj de Jokohamo kaj Odaŭara, laŭ gvido de s-ro Makino. Raportis pri Japana Esperanto-Instituto (JEI) kaj la 100-a Japana Esperanto-Kongreso en Tokio, s-ro Suzuki Keiiĉiroo, la prezidanto de JEI, kaj aldonita estis informo pri la 7-a Azia Kongeso de Esperanto en Israelo.

Venis tagmanĝa ripozo. La Festo mem ne preparis tagmanĝon, sed la ĉambro estis je dispono al manĝado de mem kunportitaj lunĉoj ktp. Fone de la ĉambro estis la libroservo.

De 13:30 ĝis 14:45 estis japanlingva prelego de novelisto, s-ro Mamija Midori, juna esperantisto. La prelego estis malferma al la urbanoj de Odaŭara, kaj fakte 4 neesperantistoj ĉeestis. S-ro Mamija estis honorita per japana literatura honorado per novelo "Too-no-naka-no-onna" (laŭlitere, virino en la turo), tamen subtitolita "Turvirino" en Esperanto.

Li resumis sian vidpunkton pri literaturo, rakontis pri renkonto kun Esperanto, kaj parolis i.a. pri sia sperto dum la Universala Kongreso kaj la Internacia Junulara Kongreso en Vjetnamio en la lasta somero. La sperto donis ŝanĝon al lia Esperantisteco, pro praktika apliko de la lingvo kun alilandaj esperantistoj.

Post la prelego, la verda standardo estis transdonita al la membro el Kaŭasaki, kiu okazigos la Zamenhofan Feston en 2013, kaj post kantado de "La Tagiĝo", oni fermis la Feston.

La pluvo en antaŭtagmezo jam ĉesis, kaj interesitoj el la festintoj havis promenadon al la kultura heredaĵo, japaneska domo nomata Seikantei, irante laŭlonge de la Kastelo de Odaŭara. Tiu domo estis ripozdomo de altrangulo antaŭ la Dua Mondomilito, kaj nun ekspozicie vizitebla. (Raportis Sibayama Zyun’iti)

## Zamenhofaj Festoj en diversaj lokoj en Japanio

En Japanio troviĝas preskaŭ 100 kluboj, kaj multaj okazigas Zamenhofan Feston.

12/1: Maĉida/ Uto/ Esperanto-Populariga Asocio/ Tokio-Esperanto-Klubo/
12/2: Fukui/ Komuna Festo de Hirakata, Takacuki kaj Ibaraki
12/5: Komuna Festo de Naruto, Tokuŝima kaj Higaŝi-Kagaŭa
12/8: Dojoo-E-klubo/ Ŭakajama/ Okajama/ Kumamoto
12/9: Jamanaŝi/ Komuna Festo de Oomi, Kioto kaj Uĵi-ĵoojoo/ Komuna Festo de Osako, Sakai kaj Nara/ Hokusecu/ Ehime/ Nagasaki
12/11-12: Fukuŝima
12/15: Sapporo/ Sendai/ Gubernio Kanagaŭa/ Komuna Festo de Koobe kaj Harima/ Hiroŝima/ Mijazaki
12/16: Iŭate/ Jamagata/ Ĉiba/ Gunma/ Tokio/ Kakagaŭa/ Nagoja/ Kagaŭa/ Fukuoka
12/18: Tomakomai

## Malajzio

La kurso de esperanto ĵus finiĝis kaj mi sendas al vi la foton.




Adam ENG saluton2010@yahoo.com

## Koreio

# La 44-a Korea Kongreso de Esperanto




La 44-a Korea Kongreso de Esperanto okazis la 27~28an de oktobro 2012 en Hanmaeum-Jayeon-Hakgyo, Jangseong kun la kongresa temo "Esperanto-projekto 125: Ek al la praktiko kun Espero". En la kongreso ĉeestis 105 esperantistoj inkluzive de 30 junuloj kaj 6 eksterlandanoj (3 ĉinoj, 1 franco, 1 japano kaj 1 nederlandano). 9 aliĝintoj ne partoprenis. Okazintaj programeroj estis: du prelegoj de Kongresa Universitato ("Spektro de Poezia Literaturo en Korea Esperantujo" kaj "Edukado estas Estonteco"), 6 fakaj kunsidoj ('Korea filio de ILEI', 'Ludi kaj Lerni', 'Raporto pri Sociaj movadoj en orienta Azio kaj esperantistoj', 'Lernu sportan dancon', 'Diservo de Kristanismo kaj interkonatiĝo' kaj 'Ŭonbulismo'), simpozio (raporto pri Esperanto-projekto 125 kaj diskuto kun la titolo '2013, la jaro de edukado'). En la postkongresa ekskurso 12 kongresanoj vizitis vidindaĵojn de najbaraj vilaĝoj, Damyang kaj Changpyeong. <MIN Hyeonkyeong>

# La 153-a Zamenhof-Tago




En la 15a de decembro 2012, Korea Esperanto-Asocio festis la 153-an Zamenhof-Tagon en la manĝejo Blumau. Partoprenis 27 esperantistoj kaj 3 neesperantistoj. Je la 5a p.t.m. ĝia unua parto komenciĝis kun la himno 'La Espero' laŭprezide de ĝenerala sekretario MIN Hyeonkyeong. Sekvis salutoparolo de vicprezidanto KANG Hongu, raporto pri persona historio de d-ro Zamenhof (LEE Youkyoung, vicprezidanto de Korea Esperanto-Junularo), prelego de LEE SeungYun (Junĉo) pri la temo 'Kiel gardi nian sanon per manĝaĵoj', kaj laste memorfoto. Kaj kun vespermanĝado la dua parto 'Arta kaj Amuza Vespero' malfermiĝis sub la prezido de LEE Namhaeng (Feliĉa). Estis tre amuzaj la prezentaĵoj: "Kune Kantu" de MA Youngtae (Akademiano de UEA), "Poem-deklamo" de Bombi (LEE Chun-u) kaj kantado de la partoprenantoj kun danco. Fine de la evento ĉeestantoj denove festis Zamenhof-naskiĝon per la torto kun 153 kandeloj signifantaj la 153an datrevenon. Kvankam la vetero estis tre malvarma, oni dividis varman amikecon unu la alian en unuanimo de Esperanto. <CHO Myung Ja (Ĝoja)>

# Ĉinio

## Pacpreĝo 2013 en Monaĥejo Tiefo

La Pacpreĝo 2013 jam okazis, kaj ni decidas, ke ĉiujare okazos la samo por la monda paco kaj homara harmonio! La agado estis orgazinta en la templo Tiefo-si (铁佛寺), kiu situas en Qian-gubernio (乾县) distancanta de la urbo Xi'an (西安) preskaŭ je 100 kilometroj. Ni okazigos la benopetan aktivadon per Esperanto por ĉiuj esperantistoj, amante pacon kaj sanon en la unua de januaro en ĉiu novjaro.

spadoesp spadoesp@126.com



## Helpu al Internacia Esperanto-Muzeo

Zaozhuang-a Universitato en Shandong-provinco de Ĉinio decidis fondi Internacian Esperanto-Muzeon en la universitato por protekti kulturon de Esperanto kaj heredi civilizacion de nia lingvo. La Muzeo estos la unua en Azio. La celo de la muzeo estas protekti kulturon pri Esperanto kaj heredi ĝian civilizacion.

1. konservi ĉiujn esperantaĵojn el tuta mondo.
2. montri al socio la utilecon kaj aplikadon de Esperanto.
3. helpi sciencistojn, lingvistojn kaj esperantistojn esplori historion de Esperanto-Movado kaj internacian interkultutran komunikadon pere de Esperanto.
4. Ekspozicii konservaĵojn laŭ plano kaj invito. Ankaŭ en la Muzeo estas konstanta ekspozicio pri Esperanto. Post oficiala fondo de la muzeo estos profesiaj oficistoj en la muzeo. Fakte 1000 konservaĵoj estas tre facile akcepteblaj. La enhavo estos:

1. libroj, gazetoj kaj poŝtaĵoj
2. artaĵoj kaj arkivoj
3. memoraĵoj pri esperantistoj kaj uzitaĵoj de famaj esperantistoj.
4. fotoj, filmoj kaj bildoj
5. objektoj kun Esperanto
6. afiŝoj kaj dokumentoj pri UK kaj E-eventoj
7. ĉiuj konservaĵoj estas bonvenaj, pli bone estas malnovaj.

Por subteni la muzeon per esperantaĵoj bonvolu helpi kaj kontribui al la muzeo. Laŭ la plano en la muzeo troviĝos landa folio aŭ ĉambro kaj breto laŭ la nombroj de konservaĵoj el tiu lando. Ĉiuj konservaĵoj estas bonvenaj por la muzeo.

La adreso estas: s-ro Sun Mingxiao
Zaozhuang Xueyuan Guoji Chu, Shandong, Ĉinio, CN-277160
Tel:86-632-3786905 retadreso:semio@163.com

送付先：CN 277160 中華人民共和国、山東省、棗庄市中区、棗庄学院国際交流処、孫明孝収、TEL 86-632-3786905 semio@163.com

## Zamenhofa Festo en Pintung, Tajvano

Kiel kutime ankaŭ ĉi-jara ZF okazis en la suda urbo Pingtung, kie la solaj kursoj de Esperanto ekzistas.

Partoprenis pli ol 30 homoj la eventon entute el 6 landoj: Nov-Zelando, Kanado, Usono, Filipinoj, Irano krom Tajvano. Ĉirkaŭ duono de la partoprenantoj estis ne-esperantistoj, tial ni havis programon, dum kiu la internacia lingvo estis prezentita.

Simone Robert el Nov-Zelando prezentis siajn aventurojn en Afriko, inkluzive de grimpado al Kilimanĝaro, la plej alta monto tie kaj renkonto kun goriloj en Ugando kun multaj fotoj.

Tina Chang, nia juna Esperanto-studento, parolis pri la organika kampo, sur kiu ŝi kaj la edzo laboras profesie kaj ili jam ricevis oficialan ateston pri tio. Kaj poste ŝia edzo Keith Chang prezentis siajn multajn belajn fotojn, kiujn li faris dum jaroj.

Inter la amuzaj programeroj estis ludo de fluto per Rico Chen kaj tre alloga kaj lerta pilko-ludo per Jolie Tseng kaj prezentado de specialaj fotoj per Gigo Chien pri sia afrika vojaĝo. Kaj la plej populara estis Esperanta kanto "Ĉu vi volas danci?", kiun oni kune kantis kaj Yvonne Chen, jogo-instruisto kaj lernanto de Esperanto, gvidis la publikon kundanci.

Akompanis la feston bela kaj riĉa broŝuro, kiun redaktis Reza kaj tradukis al la ĉina lingvo Prof. Wang Jiu-kwei, elstara espernatisto, kiu daŭre kaj dum jaroj tradukadas ĉinajn literaturaĵojn al Esperanto.

Interpreton de la prelegoj kaj anoncoj faris Ingrid Chuang, unu el la du instruistoj de Esperanto en la urbo. Ĝi okazis en la 15a de Decembro 2012. Vidu la fotojn kaj filmojn ĉi tie:

http://www.ipernity.com/doc/rezamenhof
http://www.youtube.com/watch?v=CG__adP3Aoo
http://www.youtube.com/watch?v=TohmTfOne_E

Reza Kheirkhah rezamenhof@yahoo.com

# Irano

## JAR-RAPORTO 2012 de IREA

En la jaro 2012 Irana Esperanto-Asocio (IREA) spertis mankon de kelkaj aktivuloj. S-roj Reza Torabi kaj Mahmud Mirbozorgi, kiuj forlasis la landon kaj iliaj mankoj estis sentitaj. Malgraŭ tio, IREA klopodis ne lasi sian aktivecon.

Ni denove aperigis la revuon “Irana Esperantisto”. Dum la jaro publikiĝis tri numeroj de tiu ĉi revuo sur-rete, en la propra retejo de IREA, kiu estis lanĉita en marto 2012. La adreso de la retejo estas: www.espero.ir.

Dum la jaro, okazis regule “Monata Prelego”, kiu sepjariĝis kaj ni festis la sepjariĝon de tiu programo. La temoj de prelegoj estis diversaj. Krome ni regule kunvenis kadre de “MoRo”-programoj. Tiuj ĉi Monataj Renkontiĝoj estis ŝanco por renkonti novajn vizaĝojn kaj interbabili diversajn temojn laŭvole ne nur en Esperanto, sed ankaŭ perse, france kaj eĉ hispane! Krom “Monata Prelego” kaj “MoRo”, aliaj okazaĵoj estis aranĝitaj. Sube ni resumas la okazaĵojn dum la jaro:

Januaro 2012: Prelegis s-ro Mirbozorgi kun la temo: “Kiam finiĝis la filmo de Amelie Poulin…”, kaj la MoRo okazis en IREA-Oficejo. Fine de tiu ĉi monato la prelego de s-ro Shafiee temis “Koncize pri Android".

Februaro 2012: MoRo en IREA-Oficejo, kaj prelego pri “Nov-jaroj” de d-ro Sayadpour.

Marto 2012: Ni kune festis Iranan novjaron kunvenante en “Antaŭ-Noŭruza Renkontiĝo”.

Aprilo 2012: Krom regula MoRo, kaj Monata Prelego fare de s-ro Rohanian pri “Minimumismo en arĥitekturo”, IREA havis gaston de Kroatio s-ino Amelia  Tomaseviĉ. Okaze de ŝia ĉeesto, ni havis kunvenon por interkonatiĝo. IREA ankaŭ aranĝis ekskurson por pasigi semajnfinon en parko.

Majo 2012: Prelegis s-ro Mamduhi pri “psikologio kaj

mistikismo”.

Junio 2012: En la unua duono de la monato ni havis “MoRo”-n, kaj en la dua duono, prelego de s-ro Mirbozorgo, temo: “Sociologio de metroo”.

Julio 2012: Ni kune aranĝis feston okaze de 125-jariĝo de Esperanto. La “Monata Prelego”-n plenumis d-ro Sayadpour, kiu prelegis pri alia aspekto de “Sociologio de metroo”.

Aŭgusto 2012: Ni havis kutiman MoRo-n, krome okazis kunveno kun franca gasto Bruno Henry. La Monata Prelego temis pri “Centjara Jubileo de Tibor Sekelj” kiun faris s-ro Shafiee.

Septembro 2012: Koincidis MoRo kun la vizito de s-ino Saghafian, kiu estis veninta de Usono por viziti parencojn kaj amikojn. En IREA-oficejo ni kunvenis okaze de ŝia ĉeesto en Irano, kaj ŝi estis elektita kiel Honora Membro de nia asocio. Alia kunveno estis aranĝita okaze de ĉeesto de esperantista paro Daniel kaj Daŝa. Ili vizitis la oficejon, kaj Daniel prelegis “Pri Ĉilio”.

Oktobro 2012: MoRo, kaj la prelego de s-ro Rohanian pri “lingvistiko”.

Novembro 2012: Okazis Moro en IREA-Oficejo.

Decembro 2012: La prelego de d-ro Sayadpour pri “La rakonto pri Kieŭ” estis la unua programo en decembro. La 14-an tagon de tiu ĉi monato, ni kunvenis por festi Zamenhofan tagon. Kaj la 25-an tagon de tiu ĉi monato la lastan prelegon de la jaro faris s-ro Shafiee parolante pri “simpleco”.

Certe la ĵus komencita jaro 2013 kunportos pli da aktivecon por IREA kaj ni prosperos pli.

Hamzeh Shafiee kaj Keyhan Sayadpour
ksayadpour@gmail.com

## Zamenhofa festo en Tehrano

Vendrede okazis tiu festo en la oficejo de IREA. Pli ol 20 esperantistoj patoprenis. La etoso estis tre ĉarma kaj la plej plaĉa dum la pasintaj 2-3 jaroj. S-ro Mamduhi, irana ĉefdelegito,

prezentis sian persan Powerpoint-prezentaĵon pri Esperanto. Oni povas uzi tiun ampleksan prezentaĵon por varbi nian lingvon inter perslingvanoj. Mi prelegis pri la poemlibro "La rakonto pri Kieŭ". Poste s-ro Shafiee kaj f-ino Emrani parolis pri asociaj aferoj inkluzive de baldaŭa voĉdono por IREA-komitato kaj la revuo "Irana Esperantisto". Bankedo estis la lasta programero. Fotojn oni povas vidi sur nia retejo (www.espero.ir).

Keyhan Sayadpour ksayadpour@gmail.com

# Pakisatno

## Fondo de Tutmonda Forumo Ikbal

Je la 135a naskiĝdatreveno de s-ro Ikbal, la 20a-jarcenta filozofo, poeto kaj saĝa politikisto en Brita Hindujo kaj konata kiel "Ŝairi Maŝrak (poeto de orient'), Tutmonda Forumo Ikbal (TFI) formiĝis por enkonduki lian verkaron kaj filozofion tutmonden Esperante unuafoje. Lia verkaro estis tradukita en pli ol 30 mondajn lingvojn.

Li estas monda figuro kaj fama pro sia poeziaro kaj filozofio.

Li gvidas mesaĝon de Ĥudi (mem), por ke vi sciu pri vi mem kaj ludu la ĝustan rolon en via vivo.

Li naskiĝis la 9an de novembro 1877 en Sialkoto kaj forpasis la 21an de aprilo 1938 en Lahoro.

Estro de TFI, Adeel Butt adeelbutt84@gmail.com

# Israelo

## La Zamenhofa Vespero kaj vintra Landa Kunveno

La Zamenhofa Vespero kaj vintra Landa Kunveno de Esperanto-Ligo en Israelo okazis hieraŭ la 18an de decembro en la E-klubo "Josi Shemer" en Tel-Avivo.

Detala raporto de Michal (en la hebrea): http://www.tapuz.co.il/forums2008/viewmsg.aspx?forumid=181&messageid=166374001&r=1 דו"ח מפורט בעברית

Fotoj (inkluzive bildoj de la prezentaĵo pri la jara agado) : תמונות (כולל את המצגת על הפעילות השנתית של האגודה) https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/ZamenhofaFestoELIDec2012

Ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj. En la riĉa distra parto (kunordigis Matilda) estis prelego pri Zamenhof de Michal, kantoj de Oded kaj de Joni, bela teatraĵo prezentita de Enrica kaj Doron, tradiciaj judaj dancoj prezentitaj de Tsvi, Tali, Amri kaj Enrica, prelegoj en la hebrea (Kiel atingi celojn, de Joni) kaj en Esperanto (Enmigrad-sorbado per Esperanto, vera rakonto de Rami).

En la paŭzo kaj antaŭ la komenco estis regalo kaj funkciis libroservo.

En la oficiala parto Jehoshua informis pri membriĝo en ELI kaj UEA, poste Amri raportis per bilda prezentaĵo pri la jara agado de ELI, kun emfazo de la memor-kampanjo por Josi, la preparoj por la Azia Kongreso kaj la 125-jubilea projekto de ELI – hebreigo kaj televida elsendo de la filmo "La Universala Lingvo" (http://vimeo.com/55685895 ). Sekvis vigla debato pri la estonta agado kaj elekto de nova estraro. Dek-kapa teamo estis elektita bloke kaj unuanime. Ni finis per kantado de la himno, kun piana akompano de Doron. Amri Wandel Amri amri@huji.ac.il

## "La Universala Lingvo" en la israela televido

Sabatvespere, la 15an de decembro, precize en la Zamenhof-tago, la unua kanalo de la israela televido elsendis hebrean version de la konata filmo de Sam Green "La Universala Lingvo". Ĝi estis preparita por la jubilea jaro de ELI (tradukado: Amri Wandel, teknika redaktado: Gian Piero Savio) kaj prezentita en la populara novaĵ- kaj kultur-programo "Roim Olam". En la enkonduko, la konata redaktoro kaj prezentisto de la programo,

Jaakov Ahimeir, salutis en Esperanto, informis pri la jubilea jaro, kaj fine ankaŭ menciis la Azian Kongreson okazontan en Jerusalemo en aprilo. Kurioze, la sama redaktoro prezentis antaŭ 12 jaroj bonegan raportaĵon pri la UK en Tel-Avivo en 2000 http://www.youtube.com/watch?v=VtRDlqya5rw .
Amri Wandel, Prezidanto de ELI

## La nova n-ro de "Israela Esperantisto"

http://www.esperanto.org.il/dosieroj/ie156-157.pdf

48-paĝa, kun informoj pri la Azia Kongreso kaj IJK ĉi jare okazontaj en Israelo, raportoj pri la UK kaj IJK en Hanojo kaj pri Itala Kongreso, personaj impresoj de la pasintjara Israela Kongreso kaj de la Internaciaj Festivaloj en 2011-2013. Ankaŭ enestas originala traduko de sceno el Oscar Wilde (Doron Modan), faktoj pri la kuracisto Zamenhof (Michal Amir), socilingvistikia analizo "kiam Israelanoj silentas" (Tsvi Sadan), recenzo de holokaŭsta literaturaĵo "Mia Stelo" (Andy Kunzli), novaj E-filatelaĵoj de Israelo (Jehoshua Tilleman), kaj pentraĵoj kun viv-konsiloj de la internacie sukcesa juna pentristo (hazarde ankaŭ prezidanto de JELI) Joni Kis-Lev. Fermas la n-ron memorartikolo pri Josi Shemer (baldaŭ aperos ankaŭ memorlibro). Abonantoj ricevos tiun ĉi n-ron kaj la memorlibron ankaŭ papere.

Amri Wandel, Prezidanto de ELI kaj redaktoro de IE

# Barato

## Kalendaro per Esperanto-fotoj

Mi provis krei kalendaron en Esperanto per Esperantaj fotoj. Mi esperas, ke vi ŝatas tiun ĉi.

Esperanto 2013 kalendaro.pdf

http://xa.yimg.com/kq/groups/3499280/375954922/name/Esperanto%202013%20kalendaro.pdf

K Naga Siva Kumar kotha.nagasiva@gmail.com

## Nepalo

## NEspA festis Zamehofan Tagon

Nepala Esperanto-Asocio festis Zamenhofan tagon en 15a de decembro en Esperanto-Domo en la kvartalo Thamelo. La programo komenciĝis je la tria post tagmezo kaj finiĝis je la 6a horo vespere. Prezidantino Indu Devi Thapalija, KAEM-ano Mukunda Raj Pathik, ĉefo de Himalaja Renkontiĝo s-ro LP Agnihotri kaj kunfondintino de NEspA f-ino Maya Rai komune inaŭguris la programon.

Poste ĉiuj prelegis pri Esperanto kaj vivo de Zamenhof. Ili ĉiuj emfazis, dirante, ke ĉeestado de tiu tago eblis, ĉar Zamenhof kreis komunan platformon por la tuta homaro. Esperanto estas ne nur lingvo sed ankaŭ amikeco, frateco kaj kunlaborado. Ni sentas, ke ĉiuj esperantistoj devenas de la sama familio pere de la ideo de Esperanto. Ankaŭ ĉiuj pretis laŭeble helpi por la loka kaj regiona movado. Ili ĉiuj konstatis, ke laboro de Zamenhof pli kaj pli taŭgas en la nuna mondo. Ili ankaŭ malkovris la fakton, ke ies gepatra lingvo ne povas esti internacia lingvo; tio kaŭzas lingvan diskriminacion. Ankaŭ ili memorigis, ke laŭ la ĉi-jara statistiko, Nepalo havas 125 malsamajn lingvojn parolatajn nun kaj ĉiuj devas vivi por ke ĉiuj havu sian gloron de identeco viva.

S-ro Bishwamber Ghimire, sekretario de Nepala Esperanto-movado rakontis pri sia vojaĝo en Ĉinio kaj Vjetnamio ĉi-jare. Li klarigis, ke la ideo de Esperanto estas bona kaj alloga, do ni senegoisme devas kontribui al la movado por plibonigi la mondon.

S-ro Mukunda Chhatri de NEJO salutis al la programo.

Ni ricevis salutmesaĝon el diversaj branĉoj de NEspA .

Oni lumigis kandelon kaj girlandis per florĉenoj en la portreto de Zamenhof. La programo finiĝis post la manĝado de pudingo kuirita de Krishan Kanta Neupane.

Bharat Ghimire nespa.1990@gmail.com

# Alvoko okaze de la Internacia Virina Tago

OŜIOKA Taeko el la urbo Hiroŝima, Japanio

Ni Hirosima Esperanto-Centro kiel unu el 23 organizoj sub la Plenuma Komitato de Internacia Virina Tago 2013 Hirosima sendas al vi la suban mesaĝon. Ni petas vin doni al ni vian respondan mesaĝon por la Tago kaj transdoni la mesaĝon al viaj geamikoj. Ni ekspozicios viajn mesaĝojn ĉe publikaj ejoj de la urbo Hiroŝima.

Limdato estas la 10-a de februaro 2013, ĉar ni havos ekspoziciojn de la mesaĝoj ekde la 18-a de februaro.

------------------------------------------------------------------------

**Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2013, Hiroŝima**

Estimataj, kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2013 Hiroŝima, konsistas el 23 organizoj kaj la municipo Hiroŝima, salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi. En la 3-a de marto 2013, por la Internacia Virina Tago de UN en la 8-a de marto, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝi konstruon de la socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo Hiroŝima organizas kunlaborojn por heredigo de la socio paca al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

Post publikigo de la “Listo pri Egaleco inter Viro kaj Virino” de la Monda Ekonomia Forumo en oktobro 2012, ni denove pripensis pri nuna situacio de la japanaj virinoj. Laŭ vidpunkto pri ŝanco de dungiĝo, salajro, edukiteco, sano, vivkondiĉo, partopreno en politiko, entute la japanaj virinoj lokiĝas 101-a en la listo!

Longe daŭras malprospera ekonomio aldone al la katastrofo kaj de naturo kaj de la atomcentralo, kiu aparte atakas gejunulojn kaj virinojn.

“Ni pripensu pri feliĉo de la virinoj” estas la ĉefa temo de la Tago 2013, kaj ni lernas pri hodiaŭa situacio de virinaj vivo, malriĉeco, kaj ties influo al kresko de infanoj, en Hiroŝima, kaj en Japanio. Ni kosiliĝos niajn taskojn, kaj antaŭen puŝos komunan partoprenon de geviroj en la socio.

Bonvolu informi nin pri situacio de virinaj vivo kaj laboro ĉirkaŭ vi, ni petas. Viajn mesaĝojn ni ekspozicios en tri kunvenejoj de la urbo.

S-ino YOŜIDA Mariko
Prezidanto de la plenuma komitato por la Internacia Virina Tago 2013, Hiroŝima
La municipo Hiroŝima

Kun virinaj organizoj: Arko de Hiroŝima/ Konsilio Yui-porto / Kina karavano/ Novjapana virina asocio/ Ligo de vartistoj/ Hiroŝima Esperanto-Centro/ Ligo de medicinaj sindikatoj/ Sindikato de emeritoj/ Instruista laborsindikato/ Ligo de solaj patrino kaj infano (urba)/ Laborsindikato de municipaj oficistoj/ Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj de la urbo / Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hiroŝima/ Ligo de virinaj asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/ Centro de komuna partopreno de geviroj en la socio/ Ligo de Patrinoj de la gubernio/ Koruso Paĉe/ Sekcio de komuna partopreno de geviroj de municipo Hiroŝima/ Konsilio de Kino-rondoj de la urbo.

Limdato: ĝis la 10-a de februaro 2013.
Kvanto: Maksimume sur unu leterpapero A-4-formata.
Mesaĝantoj: Ne nur virinoj sed ankaŭ viroj rajtas skribi al ni.
Aldonu vian informon: nomo, sekso, aĝo, se eblas, profesio, kaj adreso.
Kontaktoadreso: OŜIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
Adreso: Oogonzan-ĉo 7-15, Minami-ku, Hiroŝima, 734-0041 Japanio

# Nekrologo

## s-ro Dao Anh Kha forpasis

Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) kun grandega malĝojo informas al vi, ke s-ro Đào Anh Kha, poeto, tradukisto, movada aganto, Honora Membro de UEA, Membro de Akademio de Esperanto, eks-ĝenerala sekretario de VEA, post longa malsano, forpasis la 6an de decembro 2012 en Hanojo, 9 tagojn antaŭ sia 89-a naskiĝtago. La forpaso de s-ro Đào Anh Kha estas granda perdo por la vjetnama esperanta movado.

Nguyen Thi Phuong Mai goldenprocom@gmail.com

# Paĝoj de KAEM

## Aktivuloj, membriĝu al UEA

### subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.

1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2012 kaj planoj en 2013.

2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>

* Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 28a de februaro 2013.

**Notoj:**
1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!!!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**
Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2012 estis akceptitaj 124 homoj: Ĉinio 17, Indonezio 3, Mongolio 22, Nepalo 22, Pakistano 21, Vjetnamio 36, Srilanko 3
* Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.
* La redaktanto forgesis aperigi tiun ĉi anoncon en la novembra numero. Pardonon. Do rapide sendu vian peton.

## Esperanto-eventoj ===
**1.21 ~ 24 La 3a ILEI-Seminario en Orienta Azio** / Iksan, Koreio
**2.26 ~3.11 La 10a Internacia Himalaja Renkontiĝo** / Katmando, Nepalo
**4. 5 ~ 8 La 1a Indonezia E-Kongreso** / Bogor, Indonezio
**4. 18 ~ 22 La 7a Azia E-Kongreso** / Jerusalem, Israelo
**5.11 ~ 12 La 87a Kjuuŝuu-E-Kongreso** / Nagasaki, Japanio
**5.18 ~ 19 La 62a Kantoo-E-Kongreso** / Gunma, Japanio
**5.25 ~ 26 La 61a Kansaja E-Kongreso** / Ŭakajama, Japanio
**7.12 ~18 La 46a ILEI-konferenco** / Herzberg-Sieber (Herzberg am Harz), Germanio
**7.20 ~ 27 La 98a Universala Kongreso de E** / Rejkjaviko, Islando
**8.19 ~ 26 La 89a Internacia Junulara Kongreso** / Afikim, Israelo
**10.12 ~15 La 100a Japana E-Kongreso** / Tokio, Japanio

**10. 26 ~ 27 La 45a Korea Kongreso de E** / Inchon, Koreio
**10. 26 ~ 27 La 54a Toohoku-E-Kongreso** / Jamagata, Japanio
**11.9 ~ 10 La 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-E-Kongreso** / Hiroŝima, Japanio

**KAEM-anoj**
1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
<amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp> (Prezidanto)
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Honoraj prezidantoj** (eksaj prezidantoj)**:**
Puramo CHONG (Koreio, 1998-2000)
HORI Jasuo (Japanio, 2001-2008)
LEE Jungkee (Koreio, 2008-2010)

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de “Esperanto en Azio”)
s-ino TAHIRA Masako (provlegado)
s-ro IŜINO Joŝio (presado kaj ekspedo)

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM:
http://www.esperantoazia.net/club/myclub/home.php?url=kaem
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3